Año XIV N.º 6 (135) DICIEMBRE 1962




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# DUOBLA FESTO

Ĉijare, dum la kutima festeno, en la solenigo de la zamenhofa festo, la Valencia samideanaro omaĝis Samon. R. Vizcaíno, okaze de lia ora nupto kun Esperanto. Dro. Herrero transdonis al li belan pergamenon, post kortuŝa dediĉparoladeto. Dro. Tudela, ĉe la angulo, aplaŭdas, atestante la ĝeneralan kunsenton.

BOLETIN
DE LA
FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Redaktoro: S-ro Angel Pérez Saura

Kotizoj de la Federacio por ricevi BOLETIN
Membro abonanto: 60 pesetojn, jare.
Membro subtenanto: 120 pesetojn jare.
Ĉi tiuj membroj ricevas du ekzemplerojn se ili tion deziras.
Eksterlandaj abonoj: Minimume, 60 pesetojn jare.
Kolektivaj membroj: 6 pesetojn jare.
La grupo ricevas po unu ekzemplero por ĉiu deko de tiuj membroj.

Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortojn aŭ frakcio.
Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.

Antaŭ ol sendi leteron rimarku ke:
Oficialaj aferoj devas esti adresitaj al:
**Federación Española de Esperanto**
Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)

Originalojn, solvojn de enigmoj, sugestojn por **Boletín**, k. t. p., adresu al:
S-ro Angel Pérez Saura (por **Boletín**)
Str. V. Sancho-Tello, 24, b. d., Valencia (Hispan.)

Monsendojn adresu nepre al:
S-ro Ernesto Guillem Tarín
Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)

(Klarigante la destinon de la sendita mono: por HEF, por **Libroservo**, por **Boletín**, por io alia).

Kaj sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro Salvador Aragay (HEF-informoficejo)
Str. Arce, 8, 2-º, 4.ª, Cornellá (Barcelona) (Hisp.)
Tiamaniere vi helpas al la POŜTOFICEJOJ, al ni, kaj al vi mem.

Prospecto de Turismo de Valladolid, impreso para el Congreso, sobraron ejemplares; quien los desee puede pedirlos.

Oficina de Turismo:
Plaza Zorrilla, 3
Valladolid

O al Grupo Espº:
Ruiz Hernández, 12
Valladolid

# LA NOVA ESTRARO DE LA FEDERACIO

Laŭ decido de la pasinta kongreso, en Valladolid, la Federacio devas ŝanĝi sian Estraron. Pro feliĉa akcepto de Moŝta Profesoro Miguel SANCHO IZQUIERDO, la Prezidanteco iras al Zaragoza, kaj, sekve, sekretario, kasisto kaj unua voĉdonanto, ankaŭ devas esti zaragozanoj. Do, post dektri jaroj, de ĝia fondiĝo, la Federacio translokiĝas de Valencia al la bela urbo apud la Ebro, kie, sub la plenprestiĝa prezidanteco de Profº SANCHO IZQUIERDO, nova stabo gvidos la federaciajn aferojn, kapable kaj kontentige.

Tuj kiam la koncernaj aŭtoritatoj aprobos la novan Estraron, ni publikos ĝin, kaj, de tiam, plenrajte, ĝi ekfuncios. Tiam, ni sciigos al ĉiuj la novajn adresojn por la koncernaj fakoj.

Kaj tiam, la valenciaj estraranoj povos zorgi kaj atenti pri siaj lokaj interesoj, kaj la tiea movado povos ekhavi la ĝustan kuraĝigon por trafi la lokon kiun ĝi meritas inter siaj aliaj hispanaj grupoj, por la plej brila nivelo de nia Federacio.

## KORESPONDADO

Italo, 26-jaraĝa, emanto de iberiaj aferoj, deziras korespondi kun hispanaj gesamideanoj (Giovanni Battiato, Casella Postale 11, CATANIA, Italia).

## DI DANKAS

Okaze de la kataluna katastrofo ni ricevis multenombrajn leterojn per kiuj, de plej malproksimaj landoj, oni esprimis bedaŭron kaj sentojn de solidareco. Pro absoluta neeblo respondi al ĉiuj, ni dankas publike kaj esprimas nian kortuŝon pro tiuj pruvoj de vera frateco. Dankon!

# EL «ROMANCERO GITANO» de Federico García Lorca, en Esperanto

*Nuestro galardonado poeta Alvaro de ORRIOLS—desde hace unos años, residente en Francia—ha obtenido, de los herederos del gran poeta granadino, la exclusiva para la traducción y publicación, en Esperanto, del famoso Romancero. Solo el númen de Orriols podía emprender la árdua tarea de traducir dignamente al Esperanto la tan específica poesía Lorquiana, prototipo de inaccesibilidad y particularismo, de cuyo logro presentamos hoy en nuestro Boletín, una brillante muestra, en paralelo con el original, para que se pueda contrastar verso a verso, la fidelidad en la traducción y la identidad del ritmo. El talento del traductor y las posibilidades que ofrece el Esperanto, sin la sobrecarga de forzados neologismos, reflejan lo que podríamos calificar, sin hipérbole, como insondable arcano literario, con maestría inimitable.*

*La amabilidad de Alvaro de Orriols, a quien agradecemos el gesto, permite que nos deleitemos con la lectura del «Romance de la Luna, Luna...», como anticipo de otros, no menos suculentos...*

## Romancero de la luna, luna

**de Federico García Lorca**

La luna vino a la fragua
con su polisón de nardos.
El niño la mira, mira.
El niño la está mirando.
En el aire, conmovido,
mueve la luna sus brazos
y enseña, lúbrica y pura
sus senos de duro estaño.
—¡Huye luna, luna, luna.
Si vinieran los gitanos,
harían con tu corazón
collares y anillos blancos!
—Niño, déjame que baile!
Cuando vengan los gitanos
te encontrarán sobre el yunque
con los ojillos cerrados.
—!Huye luna, luna, luna,
que ya siento sus caballos!
—Niño, déjame; no pises
mi blancor almidonado.
El jinete se acercaba
tocando el tambor del llano.
Dentro de la fragua, el niño
tiene los ojos cerrados.
Por el olivar venían,
bronce y sueño, los gitanos.
Las cabezas levantadas
y los ojos entornados.
Como canta la zumaya!
¡Ay, como canta en el árbol!
Por el cielo va la luna
con un niño de la mano.
Dentro de la fragua lloran,
dando gritos, los gitanos.
El aire la vela, vela.
El aire la está velando.

## Romanco pri la luno, luno

**Traduko de Alvaro de Orriols**

La luno venis forĝejon
kun sia jupo de nardoj.
La knabo rigardas ĝin
kaj ĝi rigardas la knabon.
En aer' emociita
la luno svingas la brakojn,
kaj kun malĉasta pureco
montras siajn stanajn mamojn.
—Forflugu, la luno, luno,
ĉar, se venas la ciganoj,
fingrringojn kaj kolierojn
el via kor' ili faros.
—Lasu min danci, knabeto.
Kiam venos la ciganoj,
vi, kun l' okuloj fermitaj,
sur amboso ripozados.
—Forflugu, la luno, luno.
Mi jam aŭdas la ĉevalojn.
—Lasu min; ne piedĉifonu
mian amelan blankaĵon.
Rajdanto venas ludante
la tamburon de l' plataĵo.
Kun la okuloj fermitaj
kuŝas sur ambos' la knabo.
Tra l'olivujar' alvenas
—bronz' kaj dormem —la ciganoj,
duonfermitaj l' okuloj
kaj levitaj la vizaĝoj.
Kiel ululas la strigo!
Kiel ululas sur arbo!
Manenmane, tra l' ĉielo
iras la lun' kun la knabo,
kaj en la forĝejo ploras
kaj kriegas la ciganoj.
Dume, l' aero sendorma
deĵoras en nokta gardo.

# HISPANO EN EKSTERLANDO

## (NEFORGESEBLA RESTADO EN SVISUJO)

*Taŭgeco de la verda stelo,*— De tempo al tempo, mi ferias, kun mia edzino, foje, eksterlande. Nunjare, ni decídis viziti Svisujon, kaj, kun la Jarlibro de UEA antaŭ mi, poŝte mi antaŭorganizis la rondiradon tra la malgranda lando kiu kuŝas ĉe la koro de Eŭropo.

Tre afable, la Prezidanto de SVISA ESPERANTO-SOCIETO, Sro. Bruno GRAF, kontaktigis min kun la gvidantoj de la Esperanto-Grupoj en Berna kaj Zurich, kaj ili ,respektive, bone zorgis nian restadon en la indikitaj urboj, per mendo de taŭgaj hotelĉambroj.

*Efika vagado.*—Oktobran vesperon ni transsaltis de Barcelona al Ĝenevo, kie ni restis dum du tagojn kaj ni havis okazon por admiri la urbon de la Penso kaj de la Internaciaj Konferencoj. De tie, ni vojaĝis al la konfederacia ĉefurfo, Berna, kaj ni restis tie kvar tagojn, kiujn ni profitis por admiri la lokajn vidindaĵojn kaj ekskursi al Basilea, kaj, ankaŭ, supreniri al la rava Jungfrau, je preskaŭ kvar mil metrojn super la marnivelo. Nova salto kaj al Zurich du tagojn en tiu grava metropolo, kun posttagmeza ekskurso al la ĉarma urbo Lucerna.

*Ni semu kaj semu honstante...*—Antaŭ la Esperanto-Grupo en Berna, mi prelegis pri Hispanujo kun la helpo de 80 koloraj diapozitivoj pri la plej gravaj urboj kaj monumentoj el nia lando, kaj ne mankis la preskaŭ «devigaj» bildoj pri la taŭrobatalado, kiuj vekigis amikan diskutadon. Nia akceptanto estis la Prezidanto de la Grupo, Sro. P. Métivier—franco, jam de longe konato nia, kiu reiras al sia lando post 9—jara restado en Svisujo. Inter la ĉeestantaro troviĝis Dro. Baur, kiun ni kutime aŭdas en Esperanto tra la radiaj dissendoj de Berna.

Sro. Bruno GRAF afable invitis nin vespermanĝi ĉe lin, kaj ni havis, tiel, la okazon enpenetri la vivmanieron de modela svisa familio. S-no GRAF ankaŭ bone parolas Esperanton, kio iomete hontigis mian edzinon... Certe, ni travivis tre agrablan vesperon.

En Zurich, la prelego pri Hispanujo denove okazis kun granda sukceso. Tie, la Prezidantino estas italino, S-ino. Ane Masé (vera pruvo de la internacieco de nia afero). Ŝi, tre afable, prezentis nin, kaj ni povis konstati ke tre vigle kaj trafe ŝi gvidas la Grupon.

En ambaŭ urboj oni invitis kaj regalis nin. Certe, ni travivis kelkajn horojn, vere, en Esperantujo.

*Mirinda lando,*—Pri la naturaj belaĵoj de la lando kaj la bonega organizado de la turismaj aferoj, oni ne bezonas paroli, ĉar, ofte, vi legis pri tio. La vivnivelo estas tre alta kaj la publikaj servoj bonege organizitaj.

La plej plezuriga spektaklo estas vidi personojn kiuj parolas diversajn lingvojn kaj profesas malsamajn religiojn, harmonie vivi kaj kontaktiĝi kun alta spirito. Svisujo prezentas al la mondo imitindan ekzemplon, kaj, pro tio, tiu malgranda lando estas la miro de la aliaj kaj la tutmonda kapitalo iras tien. ĉar ĝi estas sekura loko, laŭ homa opinio.

De antaŭ unu jarcento ili superis la internajn malamikecojn; dum la du lastaj mondmilitoj, Svisujo restis neŭtrala oazo. Ĝi estas paca lando malgraŭ ke ĝi havas viglan armeon kies soldatoj povas gardi hejme la uniformojn kaj la pafilon.

Por ni, la esperantistoj, fari eksterlandan vojaĝon estas speciala motivo de ĝojo, ĉar ĉie ni trovas geamikojn. Unu fojon pli ni ĝuis memorindan libertempon, dank'al Esperanto, kaj, ankaŭ, pro la sindoneco de la svisaj gesamideanoj.

**Ramón MOLERA, Moyá**

# EKSTERLANDANO EN HISPANUJO

*Pasintan aŭtunon, nia elstara samideano Teo Jung vizitis Hispanujon. De sia kvazaŭ meteora veturado en nian landon li kaptis impresojn kiujn li sendis al ni. Ni plezuras konigante ilin al nia legantaro, kiu, tutcerte, ĝuos pro la ĝusteco de la rimarkoj kaj la kolorigo de la priskriboj.*

## ORA SUNO SUR BLUA ĈIELO

### Raporteto por niaj geamikoj

La 20-an de septembro mi ekvojaĝis kun mia edzino por ses-semajna vizito al Hispanujo, sekvante, precipe, la invitojn de mia fratino, vivanta en Barcelona jam 19 jarojn, kaj de samideano en Terrassa. Mi ne supozis ke mi alvenus en Terrassa ĝuste post terura inunda katastrofo, kies postsignoj en tiu urbo ankoraŭ estis bone rimarkeblaj : tie, la akvo-ondego, du-tri metrojn alta, dum tri horoj, trafluis i. a. la ĉefan straton, kunŝirante ĉion, tralavante ĉiujn butikojn kaj postlasante amason da rubo kaj ŝlimo, por ne paroli pri la mort-viktimoj, duonmilo sole en Terrassa, kaj alia duonmilo en Rubi, Sabadell kaj aliaj lokoj trafitaj de la inundo (1). Sed, cetere, nia vojaĝo estis agrabla kaj plezuriga, precipe dank' al la agrabla hispana aŭtuna klimato kaj dank' ankaŭ al la samideanoj en la diversaj urboj, kiujn ni trapasis. Krom Barcelona kaj Terrassa, ni vizitis la urbojn : Sabadell, Sitges (la «blanka urbo» kun la «ora strando», proksime de Barcelona), Valencia, Alicante, Lorca, Granada, Sevilla, Cordoba kaj Madrid.

Hispanujo estas lando belega kaj interesega, kaj, relative, malmultekosta por alilandano (ĝis nun) ; tial, ĝia turismo multe evoluis en la lastaj jaroj. Bedaŭrinde, la hispanaj fervojoj ne sukcesis, kun tiu evoluo teni egalan paŝon. La distancoj inter la diversaj urboj estas grandaj, sed la rapidtrajnoj, eĉ nun en aŭtuno, kutime estis «okupitaj», jam tagojn antaŭe. Tial, ni devis minimume kvinfoje ŝanĝi niajn vojaĝ-intencojn (ne planon, ĉar fiksitan vojaĝplanon ni, feliĉe, ne havis), kaj, por fine, el Sevilla ĝustatempe reveni al Barcelona kaj, poste, hejmen, ni decidis de Sevilla al Madrid preni dormkupeon kaj, poste, same dormkupeon de Madrid al Barcelona, — tiu lasta dormkupeo cetere estis tute nova, tre moderna kaj la plej komforta, kiun ni ĝis nun renkontis dum niaj vojaĝoj.

En *Barcelona*, la vivoplena havenurbo, kun preskaŭ du milionoj da loĝantoj, ni alvenis ĝuste okaze de la Festoj de la «Merced» : ni vidis la grandan «kavalkadon» de pompveturiloj sur la Paseo de Gracia, kaj ni admiris la gigantan lumfontanon antaŭ la Palaco de Montjuich, pli grandan kaj pli belan ol la granda lumfontano de la Brusela Mondekspozicio, antaŭ kelkaj jaroj. Ni miris pri la torso de la «Sagrada Familia» kaj la stranga parko Güell. Kompreneble, ni vizitis ankaŭ la monton Tibidabo, kun la grandioza perspektivo al la urbego kaj la maro, kaj la faman monaĥejon Montserrat. Unu vesperon ni ĉeestis laŭ invito, kunvenon de Barcelonaj esperantistoj kie mi rakontis, i. a., pri kelkaj travivaĵoj el mia esperantista vivo. Speciala plezuro estis la renkontiĝo kun malnovaj geamikoj.

En Terrassa mi restis ĉ. dek tagojn, — kiel dirite, pro invito de tiea samideano, tamen ne por plezuro, sed, por priparoli gravan tradukon.

En *Sabadell* ni estis gastoj ĉe s-anoj Mimó kaj Kenom kaj, vespere, en la tiea Esperanto-klubo, kie, esprimante nian kunsenton pro la inunda katastrofo, kiu trafis ankaŭ la urbon Sabadell, mi dum ĉ. unu horo rakontis pri travivaĵoj, precipe bonhumoraj, el mia esperantista vivo.

---

(1) La vera kvanto, fine, estis, nur, la duono.

*Valencia* impresis nin per siaj mirindaj aleoj, sia urbodomo (oni speciale por ni eklumigis la belegajn lustrojn en la festsalono), sia borso kaj sia foirhalo. En la Turisma Oficejo, kie mi petis prospektojn pri la urbo, unu oficisto, ekvidinte mian stelon, alparolis min en flua Esperanto kaj donis al mi, i. a., faldfolion esperantlingvan. Krome, ni renkontis en Valencia konatajn samideanojn D-ron Herrero kaj s-ron Ernesto Guillem.

En tiu urbo ni pasigis du noktojn en ne tre bona hotelo. Tial, alveninte en *Alicante*, mi diris al la taksiŝoforo, ke li konduku nin «al bona hotelo», kaj li kondukis nin al la plej luksa hotelo en la urbo: tute nova, 11-etaĝa, apudmara «Carlton». Kiam mi staris sur la verando de nia apartamento en la 8-a etaĝo, ni vidis, sub ni, la verdajn kronojn de la palmaleo kaj, antaŭ ni, la tutan havenon kaj la bastan bluan maron. Ankaŭ, vespere, tio estis admirinda panoramo, kun la multaj lumoj sur la tero kaj akvo, kaj la steloj sur la ĉielo.

La postan nokton ni, kontraŭe, pasigis en tre modesta hoteleto de kvazaŭ forgesita urbo griza: *Lorca*. Kiel ni venis ĝuste al Lorca? Nu, pri tio kulpas ja la fervojoj, sed estus tro longa rakonto. Ankaŭ pri tio kulpas la fervojoj, ke de Lorca al Granada ni bezonis 11 horojn en ordinara poŝtvagonaro, anstataŭ la atenditaj ses horoj en rapidvagonaro; tamen, ĝi estis vojaĝo tra belegaj pejzaĝoj, kun ĉiam novaj perspektivoj kaj panoramoj, ĝis alteco de preskaŭ 1300 metroj, — krom tio, ni povis tiam uzi unuaklasan kupeon, kie ni estis, tieldire, «solregantoj» kaj kie ni povis laŭplaĉe sidi, kuŝi, stari aŭ eĉ promeni, de tempo al tempo, mordante en la sekan panon aŭ trinkante gluton el la botelo da ruĝa vino, kiun ni sukcesis lastmomente aĉeti ĉe stacidoma budo en Lorca.

En *Granada* ni pasigis kvar plenajn tagojn. Strange: tie pluvis du tagojn preskaŭ seninterrompe, tute ne pluvinte antaŭe dum kvar-kvin monatoj; sed, poste, ni denove havis la plej bonan veteron imageblan. Granada estas la kulmino de ĉiu Hispanujo-vojaĝo. Kiu volas admiri la plej belajn verkojn de araba konstruarto, tiu devas iri ne al Kairo nek al Bagdado, sed al Granada: tie li trovas ankoraŭ la spiriton de Mil kaj Unu Noktoj, en la famaj Alhambro kaj Generalife. Tie oni trovas ankaŭ la kavernojn de la ciganoj sur la Sankta Monto, nun parte kun moderna komforto: elektra lumo, fridiga ŝranko ktp. Tie staras kapeloj — ekstere modestaj, interne ŝarĝitaj per oro, juveloj kaj lumigiloj — meze de malriĉulaj kvartaloj. Tie ekzistas urbocentro negranda sed bone flegata, kun stratetoj kie piediranto estas reĝo kaj kie estas plezuro ĉirkaupromeni, precipe dumvespere, kiam la artismaj butikoj estas bele iluminitaj.

En Granada ni havis ankaŭ tre bonan hotelon, ne luksan sed unuarangan: «Hotel Victoria», kies ŝlosilisto-informisto, s-ro Justo Estan, scianta kvin-ses naciajn lingvojn, montriĝis ankaŭ bona esperantisto; li eĉ oferis sian liberan tagon por akompani nin al la Sankta Monto kaj, poste, al sia propra ĉarma domo, — cetere ankaŭ lia edzino parolas Esperanton. Por kiun tio interesas: «Hotel Victoria» kalkulas por plena pensiono de du personoj, t. e. matenmanĝo kaj du ampleksaj varmaj manĝoj, kaj por loĝado en du-persona apartamento kun banĉambro kaj balkono, nur 405 pesetojn, t. e. ĉ. 24 guldenojn.

De Granada al *Sevilla* estas unu plua etapo. Pri tiu urbo mi iam (en 1928) verkis laŭdpoemon, kiu tiam havigis al mi konsiderindan monpremion de la urbestraro. En ĝi mi diris i. a.:

> Seviljo, ho Seviljo, vi krono briljuvela,
> Pri vi mi nur ekpensas, — jam venkas [min sopiro.
> Pendas antaŭ mia fenestro pezaj nuboj —
> Al via ora suno min logas la deziro...

Precize kiel nun, kiam la aŭtune-griza nederlanda ĉielo rigardas sur mian skribotablon.

Kiam en Sevilla ni promenis en unu el ĝiaj belegaj parkoj, mia edzino entuziasme

ekkriis : «Ĉi tie mi ja volus loĝi!» Sed mi timas, ke en somero tamen estus tro varme al ŝi, kun ĉiutage 30-40 gradoj, aŭ pli. En Sevilla ni vizitis la UEA-delegiton, D-ron Fiol, kiu loĝas iom ekster la urbo. Sed en la katedralo — la plej granda preĝejo de Hispanujo, antikva ekstere, riĉega interne — subite iu min alparolis : «S-ro Jung, ĉu vi ne rekonas min?» Li estis esperantisto el Hago, kiu, de kelka tempo, troviĝas en Hispanujo pro komercaj aferoj. Kompreneble ni vizitis ankaŭ la faman Alkazaron kaj la iaman geton. En Alkazaro iom ripetiĝas la Fabelo el Mil kaj Unu Noktoj ; tamen, post la Alhambro de Granada, la Alkazaro de Sevilla jam ne povas tiel multe impresi. La iama geto (la «Juderia») nun estas vera «ornamkesteto», kun la blankaj muroj, la multaj floroj ĉe la fenestrokradoj, kaj la ĉarmaj, eĉ luksaj «patios» (kortetoj», en kiujn oni povas libere enrigardi.

El la kvar tagoj, dum kiuj ni loĝis en Sevilla, unu ni pasigis ekskursante al la varmega (eĉ en oktobro!) *Cordoba*. Ankaŭ tie ĉarmis la kortetoj apudstratetaj, la floroj en tiuj kortetoj kaj ĉe la fenestrokradoj ; sed, la ĉefa vidindaĵo de Cordoba estas la «Mesquita» — iama moskeo kaj nuna katedralo. Enirante, vi ne kredas viajn okulojn : tiu arbaro el centoj da kolonoj unuavide impresas surprize, konfuze, kaj poste, solene, kiam oni ekkonas en ili regulecon kaj celon. Bedaŭrinde, ke mezen en ĝi oni konstruis tiun gotikan ĥorejon, belan per si mem sed tute fuŝan en ĉi tiu loko! La «Miĥrab» (araba preĝoniŝo en la moskeo-katedralo) estas juvelo de la maŭra arto. Proksime de la «Mesquita» ni ĝuis la plej bonan tagmanĝon, kiun ni ricevis entute dum nia vojaĝo tra Hispanujo, en eta restoracio, nomita «Meson de la Juderia». De la supo ĝis la deserto, kaj inkluzive de la vino kaj kafo, ĝi, simpladire, estis delikata, kaj ĝia prezo, por du personoj, kun ĉiuj trinkaĵoj kaj servmono, estis 138 pesetoj (8.25 guldenoj).

De Sevilla ni daŭrigis nian vojaĝon per dormvagonaro al *Madrid*. Ni alvenis tie akurate en la mateno ; sed, ni ne kalkulis ke Madrid estas la ĉefurbo de la lando kaj ke, tial, ankaŭ dum oktobro la tieaj hoteloj povus esti plenaj. Preskaŭ 50 minutojn ni veturis per taksio, zigzage de unu hotelo al alia, — ĉio estis «rezervita», «okupita» au «plena». Fine, mi direktigis la taksion al la adreso de samideano, kiun mi hazarde havis kun mi, grimpis supren ok etaĝojn (tamen per lifto), kaj, helpe de tiu samideano, kiun mi, kredeble, ĝenis ĉe la matena tualeto (ankoraŭ nun mi petas lian pardonon), ni fine trovis hotelon en la urbocentro, kvankam laŭaspekte triarangan, sed, ... ni estis savitaj, dank' al Esperanto! Vizito al la fama parko Retiro kaj, vespere, al la Esperanto-Domo plenigis tiun tagon. La postan tagon ni vizitis la Pradon (la ĉefmuzeon) kaj la Reĝan Palacon kaj, vespere, ree prenis dormvagonaron, returne al Barcelona.

Kiam ni revenis al Barcelona, la temperaturo dum la vesperoj fariĝis malpli varma, kaj oni bezonis mantelon. Gis tiam, dum la plej multaj vesperoj, oni estus povinta promeni ekstere preskaŭ sen vestoj. Kaj kiam, ree per dormvagonaro, ni atingis *Parizon*, tie estis tre freŝe kaj pluvis. Tiam mi ankaŭ sentis iom malagrablan en la brusto, kaj ekmankis al mi apetito.

Reveninte hejmen, dum tuta semajno, kun interrompoj, mi restis en la lito, sentante min tusema kaj elĉerpita. La temperaturŝanĝo estis tro subita, kaj la lastatempaj vojaĝdistancoj estis iom grandaj.

Tamen, nun, tiu postvojaĝa malagrablaĵo jam komencas forgesiĝi. Kio restas, estas la rememoroj prio ora suno sur blua ĉielo, pri vojaĝo al vere belega kaj interesa lando, lando aminda kun siaj trezoroj kaj siaj mankoj. Kio restas, estas mirinda kalejdoskopo, en kiu alternas kaj intermiksiĝas la travivaĵoj kaj viditaĵoj ; pejzaĝoj grandiozaj kun scenejoj idiliaj, urbegoj vivoplenaj kun pacaj vilaĝoj, verdaj valoj kaj arbarumitaj montoj kun profundaj abismoj kaj kalvaj rokoj, oraj strandoj

(daŭrigo, en la p. 483)

# EL LA VIVO ESPERANTISTA

ZARAGOZA.—JOZEFO ORÓS EMERITIGIS.—Antaŭ multaj jaroj, zaragoza elstara poŝtoficisto interesiĝis pri Esperanto; de tiam, li ne ĉesis en daŭra kaj fruktodona laboro por progresigi nian aferon en la urbo banata de la Ebro. Lia lasta publika agado estis la estrado kaj gvidado de la XVa Hispana Kongreso de Esperanto, ege sukcesinta, en Zaragoza.

Jozefo Orós Gimeno estis pozitiva eksponento en la tiea movado, kaj, tial, ni devas, okaze de lia emeritiĝo, danki lin pro la multaj poresperantaj oferoj, altaj meritoj kaj, ne malpli, pro lia ega simpatio.

Ĉi tiuj linioj taŭgu por ke ĉiuj novuloj eksciu pri liaj meritoj, kaj, por iomete senŝuldigi nin pri la multaj dankindaĵoj kiujn li kolektis dum siaj multaj esperantistaj jaroj.

H. E. F., nome de la tuta hispana esperantistaro, gratulas lin, okaze de lia emeritiĝo, kaj deziras al li longajn kaj feliĉoplenajn jarojn.

VALENCIA.—Kiel kutime, la valencia esperantistaro festis la Zamenhofan tagon. Vespere, en centra restoracio, preskaŭ cento da samideanoj kunmanĝis. Ĉijare, la festo estis duobla, ĉar, samtempe, ĝi taŭgis por omaĝi samon Rafaelo Vizcaíno, kiu celebris sian oran nupton kun Esperanto. Ĉe la fino de la manĝo, Dro Herrero alparolis la ĉeestantaron, emfazante la meritojn de la omaĝito, kiu, daŭre, oferas sian tempon, por instrui novajn vicojn da gesamideanoj, kiuj multe ŝatas liajn instruojn. Meze de densa aplaŭdado, Dro Herrero transdonis al Samo Vizcaíno, belan, artan pergamenon, per kiu la va-



lencia gesamideanaro agnoskas la meritojn de la jubileulo. Li, plenemociita, dankis pro la neatendita de li regalaĵo, kaj li daŭris per interesplena alparolado pri sia esperantista vivo.

Sekvantan tagon, laŭkutine, Rd[a] Patro Jozefo López, franciskana monaĥestro diris la Meson kaj predikis esperantlingve. Poste, ĉiuj sin turnis al la str° Dr° Zamenhof, kie la tabulo de la Fondinto ricevis belan laŭrokronon. Kelkaj samideanoj, poste, vizitis la tombon de sam° Ludoviko Hernández kaj fiksis branĉeton el laŭro sur lian memorigan tabulon.

VILAFRANKA DEL PANADÉS. — La tiea samideanaro celebris la feston de Dr° Zamenhof, pri kio ni publikigas apudan bildon.

VALLADOLID. — La Zamenhofa festo estis tre vigla en la nunjara kongresurbo. La tiea samideanaro ĉeestis solenan meson, kies partoj estis legitaj en Esperanto.



Poste, dum komuna manĝado en restoracio, oni elektis «Fraŭlino Esperanto», la belan kaj lertan samideaninon Rafaela Urueña.

Dum vespero, la festo daŭris en la salono de la Kolegio «La Salle», kie oni prezentis al ĉiuj Fraŭlinon «Esperanto». Ŝi estis tre aplaŭdita, kaj la tiea gazetaro raportis tre favore ĉiujn festerojn.

La kursoj, en Valladolid, daŭras kun granda sukceso. Sam-n° Tranque kaj sam° Caminero gvidas ilin, kun granda profito por la lernantoj.

---

ĈASISTINSIGNOJ. — Kontraŭ ĉasistinsignoj mi sendos il.-Esp.-revuojn, pm.-n, kolorajn bkn pri Budapeŝt, laŭdezire. Adreso: Georgo HALÁSZ, V. K. Esperanto kör, Gyomroi ut 128. Budapeŝt, X. (Hungría).

---

DUISBURG (Germanujo).—Sam° Agustín BLASCO, el Madrido, nuntempe en la industria germana urbo, sciigas al ni ke kelkaj hispanaj laboristoj intencas organizi esperantan grupon. Ili deziras ke la tiea grupo estu nomata «Fernando Soler», honore al estinta valencia aŭtoro de la famkonata «Esperanto al alcance de todos», per kiu tiuj hispanaj laboristoj deziras lerni la internacian lingvon. Fr[no] Soler, la filino de la aŭtoro, rajtigis ilin por uzi tiun nomon kaj sendis al ili la petitajn gramatikojn. Saluton kaj sukceson!

[Grupo Esperantista «Fernando Soler». Bluecherstr., 30, Diusburg (Rep. Fed. Alemana).]

---

CÓRDOBA. — Nia tre estimata samideano Diego RUIZ HERNÁNDEZ estis alnomita de FEDINE (Federación Politécnica Española de Diplomados de Ingenieros y Técnicos), Provinca Sekretario.

Ni gratulas nian estimatan samideanon, kiu, tiel entuziasme disvastigas nian lingvon en la bela andaluza urbo, kaj ni esperas ke li ankaŭ havu grandajn sukcesojn en sia nova posteno.

# NI RECENZAS

**CARL WALTER: «ESPERANTO. - la lingvo internacia, facila por vi.» Internacia lernolibro de la internacia lingvo. Amuza libro por lerni sen instruisto. - Bildoj desegnitaj de P. THIENHAUS kaj W. DRACHOLZ. La verdkoloran titolpaĝon, desegnis John HARTLEY. Formato de la libro: 15 x 21 cm Nombro de paĝoj: 120. Prezo: 5'70 NF (novaj francaj frankoj), aŭ 120 us. dolaroj aŭ 18 steloj Eldonis: Librairie des Editions NOVA, 40 avenue Gustave-Dollfus, MULHOUSE, Francujo.**

Ĉi tiu elstara lernolibro de Esperanto, verkita de Carl WALTER laŭ la rekta metodo, do, tute en Esperanto, aperis la unuan fojon en 1932, kun la titolo «Gaja lernolibro de Esperanto». La tria eldono aperas, kun *nova* titolo, sed konservas la ĝeneralajn trajtojn de la du antaŭaj. Ĝi estas vere, valora lernolibro, gaje instruanta per multenombraj kaj trafaj bildoj, kiuj faciligas la alprenon de la lecionoj kaj glatigas la vojon al la komencanto. Ĝi fariĝis, ja, klasika kaj rekomendinda lernolibro.

**CIRANO**

**L. L. ZAMENHOF: PROVERBARO ESPERANTA. Antaŭparoloj de M. F. kaj L. L. Zamenhof. STAFETO: Beletraj kajeroj, 10. - J. Régulo, eldonisto; La Laguna, Tenerife, 1962, - 19 x 12 cm. (XXVIII 168 p.) - Prezo: 1'50 us. dol.**

Ĉiuj scias ke la patro de Dr.° Z. kompilis la proverbojn, kiuj estis, poste, reviziitaj de lia filo. La nuna eldono, pri kies graveco mi ne bezonas emfazi, ĉar ĝia ĝisnuna manko estis tro bedaŭrita, aperas kun tre praktika indekso pri temoj kaj celoj.

La PROVERBARO devas rangi inter la nemankeblaj verkoj en la bretaro de ĉiu esperantisto.

**CIRANO**

**HENRI BAUPIERRE. - SPECIMENE. Parodioj kaj pastiĉoj. - STAFETO: Beletraj kajeroj, 11. - J. Régulo, eldonisto, La Laguna, Tenerife. 1962. - (19 x 12 cm.) 138 p. Prezo: 1'50 us. dol.**

Antaŭ mallonge aperis, en la beletra esperanta stelaro, nova astro, brilanta per potenca kaj memstara radianta lumo. Baupierre estas vera «bela ŝtono» sur la vojo de nia literatura valoro.

Li majstras la lingvon, ĵonglas lerte per vortoj kaj kombinoj, subfosas la bazon de netuŝeblaj prestiĝoj, vipas, mordas, renversas kaj ridindigas. Li estas vera «enfant terrible» kiu kapablas hirtigi akademianojn, komitatanojn, instancojn, kaj, eĉ, la postrestojn de forpasintaj elstaruloj! En «Specimene», li travestias iom da Kalocsaj, parto de Baghy, respegulon de Waringhien, aspektojn de Auld, kaj, ĉefe, paralelon de Schwartz. La leganto, mire, opinias legi ilin unu post la alian! H. B. estas la plej granda ikonoklasto kaj, samtempe, la plej eniĝanto en la animon de siaj parodiitoj. La skurĝo, pro impeto, estas, foje, troa kaj maljusta (Lapenna, akademianoj, k. t. p.), sed, ĝenerale, la forto de la komikaĵo kaj la pipro de la aludoj pardonigas lin.

Lingvaj malregantuloj kaj pruduloj sin detenu:

La festeno ne taŭgas por ĉiuj!

**CIRANO**

**WILLIAM GILBERT. - PLANLINGUAJ PROBLEMOJ. STAFETO: Beletraj Kajeroj n.° 12. - 100 p. 19 x 12 cm. 1962. - Eldonisto: J. Régulo, La Laguna, Tenerife. - Pr. 1 us. dol.**

Por tiuj esperantistoj kiuj deziras havi bonajn argumentojn por defendi sian lingvon kontraŭ tiuj kiuj proponas Interlingue-n kiel la plej perfektan planlingvon, la kajero de Gilbert estas taŭga, kiel ringo por la fingro.

La aŭtoro estis elstara interlinguano dum dudek jaroj, allogata de la naturalismaj fundamentoj de Okcidental kaj de Interlingue—ĝia sekvo—kaj de la scienca aspekto de ĝiaj proponoj. Sed, natura pripensado de la tuta afero kondukis lin, iom post iom, al la konsidero kaj posta alpreno de Esperanto, ĉar ĝi estas pli mondfundamenta, pli logika kaj pli regula. De tiam—dek jarojn pasis—li estas sincere konvinkita de la absoluta supereco de Esperanto pri ĉiuj aspektoj.

La trafa antaŭparolo de W. J. A. MANDERS, la fama lingvisto, plivalorigas la enhavon de tiu stafetido, kies legado ĝojigas, allogas kaj konvinkas.

**CIRANO**

(daŭrigo, en la sekvanta p.)

NI FUNEBRAS

# Jacint Comella forpasis...



Veterano kaj pioniro el la kataluna urbo Vich (elp. *Vik)* mortis la 25-n de Dec. 1962. Lia naskiĝo okazis la 2-n Apr. 1879. Li ĉeestis jam la Universalan Kongreson en Barcelona (1909) kaj multajn aliajn, inter kiuj tiun en Budapest (1929), kies emblemon li desegnis, trafante la unuan premion en la koncerna konkurso. Multe li laboris en la kadro de Kataluna Esperantista Federacio kaj Internaciaj Floraj Ludoj; li estis ĉiam Delegito de U E A kaj li ankaŭ peradis por abonoj al «La Praktiko» kaj «Heroldo de Esperanto». Post la unua mondmilito li helpis rifuĝadon de aŭstriaj infanoj en Katalunio. Sr-no Dolors, lia ĉarma edzino, forpasinta antaŭ dek jarojn, ankaŭ multe kunlaboris por nia movado; li fondis antaŭ tri jarojn la premion «Comella-Bassols», memorige al la komuna agado de la geedzoj por Esperanto.

Pace ripozu tiu ekzempla paro de fervoraj samideanoj!

## (EKSTERLANDO...)

kun ombraj palm-aleoj, riĉegaj katedraloj kaj luksaj butikoj, kavernloĝejoj kaj simplaj kabanoj en mizerkvartaloj, fabelaj palacoj kaj, en ili, vivintaj sultanoj kaj ardokulaj princinoj kaj sklavinoj, kun nuntempaj homoj pene laborantaj por sia ekzistado sur kampoj, en fabrikoj, en minejoj, surmare aŭ en grizaj oficejoj.

Mallonge, restas ĉio memorinda, kio neniam forgesiĝos sed kio, por ĉiam, donos ĝojon kaj feliĉon.

T. JUNG

## (NI RECENZAS...)

**KAHLIL GIBRAN: LA PROFETO. Traduko de Roan Orlof Stone. - STAFETO: Beletraj Kajeroj, 13. J. Régulo, elnonisto, La Laguna, Tenerife, 1962. 19 x 12 cm. 128 p. Prezo: Unu dolaro.**

LA PROFETO estas la plej rimarkinda verko de la fama libana verkisto. En ĝi, malgraŭ la eteco de la kajero, oni povas trovi kompletan kompendion pri moralo kaj ĉiutaga praktika filozofio.

Régulo trafis prezentante tiun altvaloran verketon al la esperantistaro.

CIRANO

# ANONCETOJ



---

MALJUNAJ ESPERANTISTOJ el Tenerife estas petataj de sam° Juan Gironés (Paseo Maragall, 370, Barcelona-16) por ke ili bonvolu rememorigi la nomon de la serĝento kiu, en 1907, instruis al li Esperanton en la Akademio de la Regimento de Tenerife.

---

## Mondonacoj ricevitaj por la «Fonduso por Katalunio»

| | Pesetoj |
|---|---|
| Mario Pascual, Palma Mallorca | 100 |
| Félix Gómez, Madrid | 100 |
| Tomás Ortiz, Alar del Rey | 100 |
| Mariano Solá, Tarrasa | 200 |
| Antonio Costa, San Mateo | 100 |
| Eleuterio Moreno, Málaga | 100 |
| Carlos Martínez, Sevilla | 25 |
| José A. Serra, Beniarbeig | 25 |
| Grupo Esperantista de Bilbao, 1er. envío | 137 |
| José Serra, Botarell | 50 |
| Domingo Cebollero, Zaragoza | 100 |
| Restituto Albero, Burjasot | 25 |
| Manuel Martín, Madrid | 50 |
| Francisco Alsina, Barcelona | 150 |
| Grupo Esperantista de Bilbao, 2.° envío | 250 |
| Alois Schneider, Merkersdorf | 115'50 |
| José Roig, Barcelona | 100 |
| Salvador Oliván, Ferrol del Caudillo | 25 |
| Luis Fernández, Ferrol del Caudillo | 25 |
| Juan López, Ferrol del Caudillo | 25 |
| Francisco Lledó, Ferrol del Caudillo | 25 |
| Arthur Johanson, Eskilstuna | 115'60 |
| Lilly Osterberg, Eskilstuna | 115'60 |
| O. G. Carlsson, Eskilstuna | 115'60 |
| Nanie Asplund, Eskilstuna | 115'60 |
| Ges-roj. Castells, Eskilstuna | 346'80 |
| Osterr. Esperantisten-Verband, Wien | 1146'50 |
| Ramón Molera, Moyá | 100 |
| Jaime Juan, Valencia | 25 |
| Ernesto Hurtado, Valencia | 50 |
| Federico Poveda, Valencia) | 25 |
| Juan Bosch, Valencia | 200 |
| Rafael Herrero, Valencia | 200 |
| Andrés Candela, Valencia | 100 |
| José López, Cullera | 100 |
| P. G. Jacobitti, Roma | 75 |
| Tomás Ortiz, Mave | 200 |
| Saldanha Carreira, Lisboa | 200 |
| Alfredo Villa, Gijón | 100 |
| Ges roj Erikson, Eskilstuna | 115'60 |
| J. Visser, Maasluis | 330 |
| I. Schoon, Haarlem | 82'50 |
| H.E. J. S., Cornellá | 51 |
| A. Pérez Saura, Valencia | 25 |
| José Guio, Zaragoza | 50 |
| | 5.812'30 |

La enspezita mono estas havigita al la katalunaj esperantistoj por ĝia distribuo inter la damaĝitoj.


PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA

Depósito Legal V [illegible]-1959

# SANIGA AVERTO

Esperanto estas, ja, tutmonda komunikilo, kiu ebligas korespondadon, informojn kaj amikiĝon tra ĉiuj landlimoj, ĉu inter amikemaj landoj, ĉu ne...

Laŭŝajne, nuntempe oni povas korespondi kun ĉiuj landoj, kaj, fakte, pasintaj malpermesoj kaj baroj malaperis. Tio estas tre kontentiga fakto, sed, tio ne signifas ke la korespondado kun kelkaj landoj okazas sen rimarkoj kaj suspektoj, fare de la aŭtoritatoj de aliaj, kiu konstatas ke S-ro X akceptas kaj sendas korespondadon kaj revuojn—foje, tre partiemaj—el landoj kiuj situas aliflanke de ideologia separilo...

Tio, ne nur estas eblaĵo, sed, fakta realaĵo.

Antaŭ kelkaj monatoj mi devis ĉesigi la korespondadon kun malprudenta samideano el orienta lando, por eviti al li malagrablaĵojn kun lialanda polico, pro liaj veaj elskribaĵoj...

La malo okazis antaŭ mallonge. La sola ricevo de paperaĵoj, el landoj malfavore konsiderataj, meritis la atentigon de aŭtoritatulo al iu samideano, kiu, kompreneble, ne nur devis ĉesigi ĉiujn rilatojn kun la cititaj landoj, sed, plie, rezigni ĉiujn poresperantajn aktivaĵojn. Bilanco: Sur la lasta numero de E. de U. E. A. oni povas legi: A: Delegito: vakas !!!

Ni konas tiun samideanon, ni agnoskas lian bonkonduton kaj saĝon; tamen, jen la rezulto: en lia provinco, la esperanta movado *ne plu* estas ebla, dum longa periodo. nur ĉar li ricevis—eble, pasive—*la politikan* propagandon kiun oni servis al li!

La sendintoj tute ne konscias pri la malutilo kiun ili okazigas, per siaj propagandiloj en esperanta lingvo *al la esperanta lingvo!*

Meditu, do, samideanoj! Vi ne povos eviti, foje, ke oni sendu al vi, el orientaj landoj, propagandilojn, kiujn vi ne petis; sed, almenaŭ, estu prudentaj! Se vi korespondas, bone pripensu tion kion vi skribas. Ĝi povas esti konsiderata, ne nur kiel vian skribaĵon, sed, kiel specimenon de la esperanta movado en via lando, kaj ĝi povas endanĝerigi la sekurecon kaj estontan konsideron de Esperanto kaj de vi mem!

Ni, nepre, devas eviti ke oni ĵetu nin en la saman fosaĵon kie stagnas la poresperanta agado, en ne tre malproksima lando...

Dum longaj jaroj ni devis strebi por nuligi antaŭjuĝojn kaj falsajn opiniojn pri Esperanto, en nia lando, kaj nia publika vivo estas sufiĉe kontentiga. Ĉiuj kapricemaj kaj diletantaj korespondemuloj devas bone pripensi ĉu sia emo valoras pli ol la daŭrigo de niaj penoj por triumfigi nian lingvan ideon en nia lando.

Mi multe meditis antaŭ ol averti pri la danĝero kiu minacas nian movadon kaj nian propran pacon. Eĉ, oni konsilis al mi allasi la aferon... Sed, mi opinias ke ni devas, per nia prudento kaj saĝo, eviti al nia movado ĉiaspecajn malagrablaĵojn, kiuj povas, eĉ, ĉesigi nian laboron.

Tial, mi, persone, private kaj proprariske, avertas kaj konsilas: Estu prudentaj kaj evitu katastrofojn! Pli bone estas konservi nian duonfeliĉon ol ploradi pro ĝia malapero!

Via:

**R. HERRERO**